VENU AL ANGLUJO

# THE BRITISH ESPERANTIST



With which is incorporated
INTERNATIONAL
LANGUAGE

Vol. XXXI., No. 388
AUGUST 1937
Price 2d

THE OFFICIAL ORGAN OF THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION

Printed by V. V. SUMFIELD, Station Street, Eastbourne, for the Publishers, THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION, INC., 142, High Holborn, London, W.C.1.

# THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXXI, No. 388 AUGUST, 1937

## LA REDAKCIO KOMENTAS

**La Varsovio**

KIAM ĉi tiu numero aperos, jubileantoj el multaj landoj jam estos preparantaj sin por vojaĝi, individue aŭ karavane, al la XXIXa Universala Kongreso en Varsovio, la lulilo de Esperanto. Al la kongreso mem, kiel manifestacio de nia jubilea spirito, ni deziras plenan sukceson ; al la fervoraj organizantoj, bonan frukton por rekompenci ilian laboron ; al la partoprenantoj, kiuj ricevos —ĉiuj—ĉi tiun numeron de nia gazeto, ĝuindan kongressemajnon. Ĉe la tombo de la Majstro, kaj en lia naskurbo Bjalystok, ni ĉeestos spirite kun ili.

* * *

**Al Londono en 1938**

La Kongreso pasos ; vivu la Kongreso ! Jam nun en Londono ni komencas prepari la XXXan Universalan Kongreson, kiu estos la kvara en Britlando, sed la unua en nia ĉefurbo. Ni do elsendas la alvokon : Venu al Anglujo en 1938, kaj al tiu alvoko ni dediĉas nian nunan numeron.

En la nova jaro THE BRITISH ESPERANTIST ekfunkcios kiel oficiala organo de la kongreso, kaj ĉiu kongresano ricevados ĝin dum sep monatoj. Krom la plej lastaj detaloj pri la kongreso mem, niaj kolonoj alportos artikolojn pri nia lando kaj nia ĉefurbo, kaj informojn utilajn por kongresanoj. Oni do aliĝu frue por ne maltrafi la unuajn kongresnumerojn.

En la nuna monato ni presigas la unuan informilon pri la XXXa, kaj ilustritajn artikolojn pri Anglujo ĝenerale kaj Londono speciale. Ni esperas, ke niaj propraj membroj kaj abonantoj—gastigontoj de la kongreso—ne domaĝos la spacon, kiun ni dediĉas al tio. Ni deziras esprimi nian koran dankon al la vojaĝagentejo Dean and Dawson Ltd., pri la afabla prunto de la kliŝoj, per kiuj ni reproduktis la fotojn, kaj al The Travel and Industrial Development Association of Great Britain and Ireland (Brita Oficejo por Turismo), kiu permesis al ni adapti la tekstojn de ĝia bela broŝuro (eldonita en diversaj lingvoj) pri la Brita Insularo.

* * *

**Gazetaro**

En lastatempa numero ni babilis pri novaj taskoj, kiujn la individua Esperantisto povas entrepreni, por pliintensigi nian propagandan laboron. Inter tiaj taskoj estas la skribado de artikoletoj kaj leteroj por la tagaj ĵurnaloj. La amaso da tondaĵoj, kiun ni ricevas ĉiusemajne, pruvas, ke la ĵurnaloj, precipe la provincaj, ne malemas akcepti malgrandajn kontribuaĵojn pri nia movado. La Jubileo en la nuna jaro, kaj la Londona kongreso en la venonta, donas bonan bazon por skribi. Por certigi aperigon, zorgu pri la koncizeco de la sendaĵoj.

Al tiuj, kies ĝisnuna sindediĉo al ĉi tiu laboro jam portas frukton, ni prezentas koran gratulon, kaj ni volas tute aparte mencii nian samideanon W. J. Brigden, en Londono, super kies nomo lastatempe aperis leteroj en ĵurnaloj eldonitaj en plej malproksimaj urboj de Anglujo. Lia ekzemplo montras, ke oni devas ne limigi sin al la propra loko. Redakcioj, kiuj ofte konas persone la ĉefajn Esperantistojn de sia propra urbo, kaj rigardas Esperanton kiel personan fantaziaĵon de tiuj personoj ("Poor old Jones, he's mad on this Esperanto business"), atentas komunikaĵon de fremda persono en alia urbo, ĉar tio helpas montri la universalecon de la movado.

# LONDONO

"KIAM oni enuas pri Londono, oni enuas pri la vivo," diris la fama D-ro Samuel Johnson, angla Salamono de la XVIIIa jarcento. Tio estas vera ankoraŭ nun. Koncepti Londonon nur kiel la plej grandan urbon de la mondo, jen granda eraro; grava estas, ne la amplekso, sed la universaleco. Ne estas unu urbo Londono, sed multaj. Sufiĉe esplorinte unu el ili, vi povas transiri al alia.

Ĉu vi vidis la Abatejon de Westminster, la parkojn Hyde kaj St. James's, la Turon de Londono, la Britan Muzeon, La Nacian Bildmuzeon, la mondfamajn magazenkvartalojn—Piccadilly, Bond-Straton kaj Regent-Straton — la teatrojn kaj kinojn dense kunstarantajn ? Ĉu vi vizitis tiujn dokojn, dank' al kiuj Londono estas la ĉefa haveno de Anglujo, aŭ paŝis el la muĝado de Fleet-Strato en la pacajn kortojn de la "Templo" ? Bone ! sed vi tamen vidis nur unu malgrandan faceton de Londono, kaj vi komencas kompreni, ke, kiom ajn konfuza kaj senforma ĝi estas, ĝi povas distri kaj ravi vin dum tuta vivo.

La Parlamentejo, antaŭe reĝa palaco, estas rekonstruita inter 1840 kaj 1850 post incendio, kiu detruis ĉion krom la kripto de la preĝejo de S-ta Stefano kaj la grandioza Westminster Hall. Senpaga eniro sabate. Alitage, kiam kunsidas la deputitoj, kelkaj sidlokoj estas rezervataj por vizitantoj en la publika galerio, laŭ antaŭmendo ĉe la



**La Nacia Bildmuzeo**

Admission Order Office. Westminster Hall, unue konstruita en 1097, posedas grandiozan volbon el kverka ligno. Ĝis 1882 ĝi estis la sidejo de la plej alta tribunalo, kaj tie oni kondamnis al morto la reĝon Karolon I. Senpaga eniro de la 10a ĝis la 14a horo (ĝis la 16a, kiam la parlamento ne kunsidas; fermita dimanĉe).

Londono fieras pri siaj reĝaj parkoj. Certe aliaj ĉefurboj havas parkojn, sed neniu



**La Parlamentejo**



**En la Haveno**

havas ilin tiel tute en sia mezo ; neniu, kies arboj estas tiel grandiozaj, kaj kies floroj tiel gajaj, kiel tiuj de Kensington Gardens kaj la parkoj Hyde, Green, St. James's kaj Regent's. Hyde Park kaj Kensington Gardens kune havas cirkonferencon de pli ol ok kilometroj. Tie troviĝas la fama ĉevalvojo Rotten Row, kie rajdemuloj ekzercas sin, la lago Serpentine kun sia Lido, la "long border" : grandega florbedo, kie triumfas la angla ĝardenarto. Krom tio oni trovas senliman provizon da komfortaj seĝoj, sur kiuj, kontraŭ du modestaj pencoj, oni povas pasigi la tagon en la freŝa, verda ombro, aŭskultante, dimanĉe, militistan orkestron.—N.B. : Ne forĵetu vian bileton ; ĝi valoras tutan tagon por ĉiuj reĝaj parkoj.

La Palaco de Buckingham, metropola loĝejo de la reĝo, staras apud la parko St. James's. Konstruita de la Duko de Buckingham en 1703, kaj aĉetita de la reĝo Georgo III en 1762, ĝi estiĝis reĝa loĝejo nur dum la tempo de la reĝino Victoria. Kiam la reĝo tie troviĝas, do, kiam la reĝa standardo flirtas super la palaco, oni ŝanĝas la gvardion ĉiumatene je la 10.30, kun akompano de muziko. Tiu pitoreska ceremonio en la antaŭkorto de la palaco ĉiam altiras, kiel spektaklo, la vizitantojn el provinco kaj eksterlando. Kiam la kortego



**La Palaco de Buckingham**



**Ŝanĝo de la Gvardio**

estas ekster Londono, la ŝanĝo de la gvardio okazas ĉe la Palaco de St. James.

La Turo de Londono estas nek mirindaĵo, kiel la Eiffel-Turo, nek kuriozaĵo, kiel la klinita Turo de Pisa. Ĝi estas severa fortikaĵo konstruita de Vilhelmo I (la Konkerinto normanda) antaŭ preskaŭ 900 jaroj por timigi la civitanojn. Dum longa tempo ĝi servis kiel ŝtata malliberejo, kaj en ĝi multaj personoj famaj en historio renkontis malliberon, torturon kaj eĉ morton. En la turo Wakefield (la Turo de Londono vere estas grupo de turoj) la vizitanto povas admiri la reĝajn juvelojn. La gvardianoj en sia pitoreska uniformo de la XVa jarcento kompletigas la historiecan aspekton de la loko. Eniro ĉiutage (krom dimanĉo) kontraŭ malgranda pago.

En Anglujo la historio ne estas tute enkadrigita en brikoj, mortero kaj muzeoj. En Londono ĝi vivas, kiel en neniu alia urbo de la mondo. Ekzemple, se vi donos al vi la penon, vi trovos, portataj kiel uniformoj, ne kiel balmaskumoj, vestomodojn de ĉiuj epokoj, de la XVa jarcento ĝis la nuna tago. Al tiu frua jarcento apartenas la roboj de la Lord Chancellor (prezidanto de la Ĉambro de Nobeloj kaj plej supera



**La Ponto de la Turo**

juĝisto), kaj la uniformoj de la gvardio de la Turo de Londono. La orkestro de la reĝa gvardio ("Life Guards") portas la uniformon de la epoko de la Stuart-dinastio. La kleraj juĝistoj en la kortumoj portas perukojn kaj robojn, kiuj datumas de la XVIIa jarcento.

El la diversaj "Londonoj" necesas aparte distingi la "City," nome la malgranda sed densa regiono, kiu okupas proksimume la saman terenon kiel la antikva Londinium fondita de la Romanoj, de kies murego oni sukcesis konservi fragmenton. Administre aparta urbo, ĝi ĝuas unikajn privilegiojn, kies origino estas tre antikva. Ankoraŭ hodiaŭ la reĝo formale haltas ĉe ĝia limo, antaŭ ol eniri, por ricevi ŝlosilon, kiu reprezentas la permeson de la magistrato. La malnova Londono, tio estas, la Londono de Samuel Pepys, D-ro Johnson kaj Charles Dickens, troviĝas en aŭ apud tiu kvartalaro, kiun oni plej bone vizitas sabate posstagmeze aŭ dimanĉe, kiam la bankoj kaj komercejoj estas fermitaj. Antaŭ ĉio ne manku viziti la Guildhall (urbodomo)—kie, cetere, D-ro Zamenhof en 1907 faris sian faman paroladon pri patriotismo—por vidi la konstantan ekspozicion de la trezoroj kolektitaj en la City.

La Katedralon de S-ta Paŭlo oni foje nomis "la paroĥa preĝejo de la Brita Imperio." La grandega incendio de Londono en 1666 detruis la unuan katedralon, kaj sur ĝia loko Sir Christopher Wren, plej genia arkitekto de Anglujo, konstruis la vastan katedralon, kies kupolo ŝajnas superregi la tutan urbon.

Ekster la limoj de Londono mem abundas vizitindaj lokoj. Inter cent aliaj, oni devas viziti la palacon de Hampton Court. La kardinalo Wolsey konstruis ĝin por propra uzado, sed ĝi plaĉis al lia reĝa mastro Henriko VIII (tiu de la ses—sinsekvaj—edzinoj), kaj danĝere estus, ĉe li, malrespekti la "hispanan etiketon"! Cent kvindek jarojn poste, Vilhelmo III dungis Sir Christopher Wren por pligrandigi ĝin. Jam de longe ne uzata kiel reĝa loĝejo, ĝi prezentas por via plezuro siajn formalajn ĝardenojn, siajn longajn florbedojn laŭ la angla modo, sian labirinton, kaj sian faman kolekton de pentraĵoj.



La Kastelo de Windsor



La Palaco de Hampton Court

Sude troviĝas plej bonaj specimenoj de la "Londona Kamparo": la verdaj deklivoj de Box Hill kaj la eriko kaj pinoj de Leith Hill (300 m.) kaj Hindhead. Okcidente la rivero Tamizo kondukas tra ĉarmaj pejzaĝoj, kaj sur ĝiaj bordoj staras la famaj urboj Richmond, Windsor, Maidenhead kaj Henley.

Jam dum pli ol 850 jaroj la kastelo de Windsor, 32 kilometrojn for de Londono, estas la ĉefa loĝejo de la reĝoj de Anglujo. Vilhelmo la Konkerinto komencis ĝian konstruadon, sed sian nunan aspekton ĝi fine akiris nur sub la reĝino Victoria. Ĉar la kastelo estas ankoraŭ nuntempe reĝa loĝejo, publika viziteblo dependas de la moviĝoj de la kortego.

Ne malproksime de Windsor, apud Egham, estas Runnymede, bela, verda herbejo apud la Tamizo, kie antaŭ 700 jaroj la Baronoj de Anglujo devigis la reĝon Johanon (la "Senterulon") subskribi la Grandan Ĉarton.

Norde kaj nord-okcidente la Londona kamparo prezentas aliajn interesajn lokojn: Stoke Poges, kie la poeto Gray loĝis kaj verkis sian faman *Elegion*, kaj kie lia tombo allogas usonajn pilgrimantojn: Chalfont St. Giles kun la dometo de Johano Milton. La unua Kristana martiro de Anglujo estis Alban, soldato de la romana legio en la garnizono de Verulamium, kiu donis sian nomon al la urbo, nun nomata St. Albans. La katedralo estas unu el la plej malnovaj preĝejoj en Anglujo, kaj ĝia gotika nefo estas la plej longa en la mondo. La romana teatro, lastatempe malkovrita, estas konstruita en en la jaro 200, kaj donis sidlokon por 16,000 personoj.

# VENU AL ANGLUJO

KIU vidis Londonon, tiu ne konas Anglujon. Eĉ pli vere estas, ke tiu, kiu vidis Anglujon, ne konas Britlandon. La kvar landoj—Anglujo, Kimrujo, Skotlando kaj Irlando—kiuj kune formas la Britan Insularon, estas plej diversaj laŭ pejzaĝo, klimato, kaj popola karaktero; ankaŭ ne mankas lingva diverseco, ĉar, precipe en Kimrujo, la kelta idiomo ankoraŭ vigle vivas. Prezenti per mallonga artikolo percepton de la tuta insularo estas do neebla, kaj ĉi tie ni parolas mallonge pri Anglujo, la lando, en kiu situas Londono, ĉefurbo de ĉiuj kvar.

**Oxford, Shakespeare-Lando kaj la Mezo**

Oxford kaj Cambridge, la du plej antikvaj universitatoj de Anglujo, el kiuj venas la plejparto de ĝiaj ŝtatistoj kaj beletristoj, estas unikaj. Alveninte en Oxford, ne valoras demandi: "Kie estas la universitato?" Ĝi estas nek tie, nek ĉi tie, sed ĉie, nedisigeble ligita kun la urbo mem. La universitato estas federacio de dudek unu kolegioj, plejparte kvar-kvincent-jaraj, kvankam la universitato mem fondiĝis antaŭ 800 jaroj, kaj oni pretendas, ke la urbo estas pli aĝa je kvin jarcentoj ankoraŭ.

Vizitindaj kaj viziteblaj estas la kolegioj, kun ties vastaj, pacaj ĝardenoj kaj kortoj, sed oni notu, ke Oxford estas ankaŭ ideala turisma centro, estante tre proksima al la montetoj Cotswold kaj la fontaj regionoj de la Tamizo.

La lando de Shakespeare troviĝas proksimume 125 kilometrojn for de Londono, ĉe la pordoj mem de la industria Anglujo. Tie staras Birmingham, dua urbo de Anglujo, fonto de aŭtomobiloj, juvelaĵoj kaj la familio Chamberlain. Jen ankoraŭ Coventry, industria centro produktanta aŭtojn kaj biciklojn, Wolverhampton kaj aliaj urboj, kies produktaĵoj vendiĝas en la merkatoj de la mondo.

Stratford-on-Avon! Oni ne vizitas Anglujon sen pilgrimado al la domo, en kiu naskiĝis Shakespeare, kaj la paroĥa preĝejo, en kiu ripozas lia cindro; unuvorte, al Stratford-on-Avon tute plena de memoraĵoj kaj postrestaĵoj de tiu genia vivo. Ĉiuvespere, en somero, oni prezentas liajn dramojn en la Nova Memoriga Teatro.

Sed la tiel nomata Shakespeare-lando ne estas dediĉita sole al la kulto de la poeto. Jen estas Warwick, kies mezepoka kastelo enhavas multajn artotrezorojn kaj historiajn restaĵojn. Tute apud Stratford-on-Avon troviĝas Leamington Spa, fama banloko, kiu jam dum preskaŭ cent jaroj estas rendevuo de la mondumo Londona.

Pri la monta distrikto de Derbyshire, la banlokoj Buxton kaj Matlock, la vulpĉasada regiono kun Melton Mowbray—fama pro pasteĉoj—kiel "ĉefurbo," la industriaj urboj Leicester, Nottingham, Lincoln, nia spaco ne permesas detalan priparolon.

**La Suda Marbordo**

Se vi promenus laŭ la brita marbordo, sekvante la kurbon de ĉiu golfo kaj ĉiu elfluejo, vi farus vojaĝon de proksimume okmil kilometroj! Kaj kiom da diverseco. El ĉiuj allogaj trajtoj de Anglujo, ĝia marbordo estas inter la plej fortaj.

La sud-orientan angulon de la lando formas la Insulo Thanet, kiu tamen ne estas insulo, sed regiono de Kent, la provinco de nobeloj bienoj, de lupolejoj, kaj de fruktoĝardenoj, kiuj en printempo makulas la verdon per rozkoloro kaj blanko.

Canterbury, dudek kilometrojn for de la maro, kie S-ta Aŭgustino fondis monaĥejon en la jaro 597, estas la eklezia ĉefurbo de Anglujo, kaj ĝia grandioza katedralo estas fama en la tuta mondo. Ĝi estis la celo de tiuj mezepokaj pilgrimadoj, kiujn prikantis la poeto Chaucer, kaj kiuj komenciĝis ĝenerale en Winchester, pli frua ĉefurbo de Anglujo.

La banlokoj de Kent—Margate, Broadstairs, Ramsgate, Deal kaj multaj aliaj—estis inter la plej sunbrilaj, la plej senpluvaj, kaj la plej tonikaj de Anglujo. La havenurbo Dover, ĉirkaŭita de blankaj klifoj, estas la angla urbo plej proksima al kontinenta Eŭropo. Ĝia kastelo enhavas kapelon, kiu estas inter la plej antikvaj de la Kristanismo, kaj ĝia normanda turo rivalas la Turon de Londono. Ĝi estas ne nur haveno, sed efektiva banloko, kiel ankaŭ Folkestone, kelkajn kilometrojn okcidente, kiu estas egale konata kiel elŝipiĝejo por kontinentaj turistoj.

Pasante okcidenten laŭ la marbordo, vizitante survoje la antikvajn havenojn Hythe, Rye (nun enlanda urbo) kaj Winchelsea, ni atingas Hastings, kiu donis sian nomon al la fama batalo en 1066, ĉe kiu la normanda duko Vilhelmo gajnis sian nomon de Konkerinto, kaj fariĝis reĝo de Anglujo. Nuntempe, kombinita kun St. Leonards, Hastings estas laŭmoda banloko,



**La Kastelo de Warwick**

kun ĉiuj modernaj amuzaĵoj. Proksime al ĝi estas kelkaj el la plej interesaj kasteloj kaj historiaj monumentoj, kiel ekzemple Battle Abbey kaj la kastelo de Hurstmonceux.

Aliflanke de Beachy Head, alta promontoro kun lumturo, ni trovas la gajan banlokon Eastbourne, unu el la plej grandaj de la suda bordo. Malantaŭ ĝi etendiĝas la deklivoj de South Downs, glataj kaj verdaj kiel en la epoko de la romanoj, kaj sur la klifoj oni povas piediri al la malgranda Seaford, tute proksima al Newhaven, la haveno, tra kiu oni eniras Anglujon, se oni veturas el Dieppe.

Brighton, kelkajn kilometrojn okcidente de Newhaven, estas laŭmoda banloko jam de la XVIIIa jarcento, kaj la patrino de la anglaj banlokoj. Tie antaŭ pli ol cent jaroj vivis en kvazaŭ orienta pompo la princo, kiu poste fariĝis reĝo Georgo IV. Kun sia najbaro Hove, ĝi kombinas en feliĉa interkonsento la noblan dignon de la XVIIIa jarcento kun moderna komforto kaj amuzaĵo. Ĉiuj marurboj de Worthing (okcidente de Brighton) ĝis Hastings estas atingeblaj el Londono per luksaj kaj rapidaj vagonaroj elektraj.

Preter Bognor Regis, akirinta sian titolon pro la fakto, ke tie la reĝo Georgo V refortiĝis post grava malsano, kaj Littlehampton, ambaŭ idealaj strandoj por infanoj, troviĝas Portsmouth, ĉefa milita haveno, kun apuda banloko Southsea, kaj de tie en duonhoro oni transpasas la markolon al la insulo Wight, kiu mem posedas abundajn strandojn kaj prezentas idealajn okazojn por ferioj. De tie per alia ŝipo oni povas reveni al Southampton, nun la plej granda angla haveno, kaj daŭrigante la migradon okcidenten, atingi Bournemouth, kiu ĝuas preskaŭ Mediterranean klimaton en la someraj monatoj.

### Okcidento, Oriento kaj Nordo

Dorset, Devon, Somerset, Cornwall kaj Gloucestershire formas la tiel nomatan "Okcidentan Landon," romantika hejmo de la "reĝoj de la maro," kiuj dum la regado de Elizabeto forvelis el Plymouth por esplori la transatlantikajn landojn, prirabi la hispanajn oroŝipojn, kaj provizi materialon por modernaj baritonoj. Sur la suda bordo de Devon, la plej laŭmoda banloko estas Torquay, kiun eĉ Napoleono, vojaĝante de la apuda Tor Bay al St. Helena, estis devigata admiri. Ĝi estas ideala centro, el kiu oni povas esplori Dartmoor, vasta stepo eriko-kovrita, kun tabloformaj montoj el granito, altaj pli ol 600 metrojn. Exeter, ĉefurbo de Devon, havas belan katedralon kun normandaj turoj.

Sur la kajo en la antikva havenurbo Plymouth, surskribo montras la lokon, de kie en 1620 la "Pilgrim-Patroj," kuraĝa anaro de 101 puritanoj, forvelis al la Nova Mondo sur ŝipo 180-tuna.

Transirinte de Devon al Cornwall, oni alvenas en efektive kelta lando, kun prahistoriaj monumentoj kaj granitaj preĝejoj, kies triobla marbordo estas eksterordinare grandioza. Inter akraj, rokaj promontoroj troviĝas sennombraj golfetoj kaj havenetoj, kie la klimato estas tiel milda, kaj la maro tiel blua, ke oni nomas ĝin la Riviero de Cornwall. La norda parto de Devon, kun Atlantika marbordo, estas unu el la plej ŝatataj regionoj por anglaj feriantoj.

Spaco mankas por priskibi Somerset, kun la fama Bath, patrino de enlandaj banlokoj, Gloucestershire, kun rivero Severn—la plej

granda en Anglujo—kaj Bristol, tre malnova haveno, kiu donis nomon al hoteloj en ĉiuj metropoloj de la mondo. Ni devas transiri al aliaj regionoj.




Turistoj, kiuj eniras Anglujon tra la haveno de Harwich, povas oportune esplori la orientan regionon, kun la famaj katedralaj urboj Norwich kaj Ely, kaj la universitata urbo Cambridge. La orienta marbordo prezentas senfinan ĉenon de agrablaj banlokoj, el kiuj Felixstowe, Lowestoft, Cromer kaj Clacton estas la plej bone konataj. Southend-on-Sea, granda kaj populara restadejo en la elfluejo de Tamizo, estas atingebla en unu horo el Londono, kaj posedas ĉiun logaĵon de moderna banloko.

Multaj eksterlandanoj supozas, ke la norda regiono de Anglujo estas unu vasta fabrikejo, sed ili eraras, ĉar krom la dense pakitaj industriaj regionoj ĝi prezentas al la vizitanto kelkajn el la plej sovaĝaj kaj plej belaj etendaĵoj de la angla kamparo. Ne malproksime de la fornegoj de la ŝtalurbo Sheffield troviĝas York, kiun moderna verkisto nomis "La plej bela urbo en tuta Anglujo, ĝia lasta vera ligilo kun la mezepoko." Ĝia katedralo, ĝiaj blankaj muregoj, kaj ĝiaj malnovaj stratoj povas rivali tiujn de kiu ajn Eŭropa urbo. La plej konata turista centro de Yorkshire estas Harrogate, enlanda banurbo, kiu posedas 87 fontojn kun feraj kaj sulfuraj saloj. Sur la marbordo, Scarborough disputas kun Brighton la titolon de reĝino de la anglaj strandoj, la pitoreska Whitby prezentas idealan kombinon de bela pejzaĝo kaj sporto-tereno.

Oriente, Lancashire posedas belajn strandojn en Southport kaj Blackpool. Ĉi tiu dediĉas sin pli ol kiu ajn alia angla marurbo al la popularaj plezuroj, kaj havas gigantan amuzoparkon. Ĝia "Festo de Lumo" en septembro estas la pinto de la sezono.

Kiu dubas, ke Anglujo posedas montojn, arbarojn kaj lagojn, tiu devas viziti Cumberland, kun ties "Lago-Regiono," etendiĝanta preskaŭ ĝis la bordo de Skotlando. Adeptoj de alpinismo trovos tie taskojn, kiuj kontentigos ilian pasion por grimpado kaj provos ilian kuraĝon. Inter bonaj centroj por ekskursoj ni citu Ambleside, Grasmere, Kendal, Keswick kaj Windermere. La episkopa urbo de Carlisle, ĉe la skota landlimo, troviĝas iom norde.

Sude de Lancashire etendiĝas Cheshire, kiu donis sian nomon al mondfama fromaĝo, kaj kies ĉefurbo Chester (latine *Castrum*) havas romanan originon kaj mezepokan aspekton. De tiu urbo oni facile atingas la nordan parton de Kimrujo, lando, kiu devos esti la temo de posta artikolo.

### THE CALL OF ENGLAND

I want to see Old England once again before I die,
To walk along an English lane beneath an English sky;
To listen to the blackbirds and the thrushes in the Spring,
Or lie upon the meadow, as I hear a skylark sing.

Although the lakes of Canada are wonderful and wide,
I miss the salty breezes and the rolling of the tide;
I miss the well-trimmed hedges and a cottage in the lane,
The primroses and violets, refreshed with gentle rain.

For in the name of England lies a music all its own,
That calls us o'er the waters to the places we have known;
We never are contented quite amid our joy and pain,
Until we see the welcome shores of England once again.

### LA VOKO DE ANGLUJO

*Denove Anglolandon iam vidi volas mi,*
*Vagadi laŭ vojetoj kun beleco de foli';*
*Mi volas aŭdi kantojn de birdetoj en somer',*
*Aŭskulti la alaŭdon, altflugantan super ter'.*

*La lagoj de Kanado estas vastaj sen kompar',*
*Sed por la ventoj salaj mi sopiras de la mar';*
*Mi sentas la foreston de dometo en vojet',*
*Vojeto en printempo kun primol' kaj violet'.*

*Ĉar en la nomo Angloland' magia estas vok',*
*Nin alloganta ĉiujn al plifrukonita lok';*
*Kontentaj tute tie-ĉi neniam estas ni,*
*Ĝis kiam la marbordojn de Anglujo vidas ni.*

J. H. HARTLEY.

# XXXa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

LONDONO, 30 JULIO – 6 AŬGUSTO 1938

## UNUA INFORMILO

**Organiza Komitato.**—*Sekretario :* C. C. Goldsmith (Sekr. de I.E.L.). *Help-sekretarioj :* E. W. Amos kaj f-ino E. C. Goldsmith. *Membroj :* f-ino R. A. Davey (Prezidanto de la Londona Esperanto-Federacio), W. A. Gething (Konsilanto de B.E.A.), H. W. Holmes (Prezidanto de la Londona Esperanto-Klubo), Bernard Long (Honora Sekretario de B.E.A., Komitatano de IEL.), A. C. Oliver (Komitatano de IEL., Konsilanto de B.E.A.), Fred Wadham (Ĉefredaktoro de THE BRITISH ESPERANTIST), s-ino E. Warren (Sekr. de la Londona Esperanto-Federacio), R. B. Wilkinson (Sekretario de B.E.A.).

**Adreso por leteroj.** — Sekretario, 30a Universala Kongreso de Esperanto, Heronsgate, Rickmansworth (Herts.), Anglujo.

**Kongresejo.**—University College, Universitato de Londono.

**Kotizoj.**—Ĝis 31–12–37, £1 ; ĝis 31–3–38, £1–5–0 ; post 31–3–38, £1–10–0. La edzo aŭ edzino de kongresano, kaj gejunuloj ne pli ol 20-jaraj, pagas la duonon de ĉi tiuj sumoj. Estas oportune sendi kotizojn en registrita letero per britaj ŝtataj monbiletoj, haveblaj ĉe bankoj kaj monŝanĝejoj en multaj urboj. Se oni sendas pagojn per poŝtmandatoj, oni **ĉiam** sendu samtempe informon pri la **nomo kaj adreso de la sendinto** kaj la celo de la pago, ĉar la brita poŝtadministracio ne skribas mesaĝojn sur poŝtmandatoj. La poŝtĉekkonta sistemo ne ekzistas en Britujo.

**Blinduloj.**—Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskartojn senpage, sed iliaj aliĝoj devas esti aprobitaj de s-ro W. P. Merrick (kasisto de la Blindula Ligo), Penso, Shepperton, Middlesex, Anglujo.

**Aliĝiloj.**—Nun haveblaj ĉe la kongresoficejo, baldaŭ haveblaj ĉe la ĉefaj gazetoj kaj Landaj Asocioj.

**Donacoj.**—La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por helpi al la plena sukceso de la Kongreso.

**Blindula Kaso.**—La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por ebligi, ke blinduloj partoprenu la Kongreson.

**Glumarkoj.**—Oni nun presas belajn kongresajn glumarkojn, kaj ili estos pretaj, kiam ĉi tiu informilo aperos. Prezo por kvindek, 5 pencoj aŭ 2 internaciaj respondkuponoj.

**Loĝado.**—Kiel eble plej baldaŭ oni dissendos loĝmendilojn. Intertempe, povas esti, ke la jena informo utilos :

Hoteloj : lito kun matenmanĝo, po 5 ĝis 14 ŝilingoj ĉiutage.

Privataj domoj : lito kun matenmanĝo, po 4 ĝis 7½ ŝilingoj ĉiutage. (Alilandanoj notu, ke la angla matenmanĝo estas iom ampleksa).

Oni ankaŭ esperas aranĝi pli malkarajn loĝejojn.

La Organiza Komitato ne garantios loĝejon al iu ajn kongresano, kies aliĝilon ĝi ne estos ricevinta antaŭ la 1a de julio.

**Manĝoj.**—La ordinara prezo por lunĉo en restoracio estas 1 ĝis 3½ ŝilingoj. La "temanĝo" kostas de naŭ pencoj ĝis du ŝilingoj. La vespermanĝo, de 1½ ĝis 5 ŝilingoj.

**Fakaj kunvenoj.**—Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

**Oficiala organo.**—Ĉiu kongresano ricevos la gazeton THE BRITISH ESPERANTIST de januaro ĝis julio, kaj poste la numeron, kiu enhavos la raporton pri la Kongreso. Se kongresano jam abonas la gazeton, oni esperas, ke li ne ĉesigos la abonon, sed fordonos la duan ekzempleron por propagandaj celoj.

### UNUA LISTO DE KONGRESANOJ

1. Intendanto-Generalo L. Bastien, Paris, Francujo
2. C. C. Goldsmith, Rickmansworth, Anglujo.
3. B. E. Long, London, Anglujo.
4. A. C. Oliver, London, Anglujo.
5. F. E. Wadham, Epsom, Anglujo.
6. E. W. Amos, Pinner, Anglujo.
7. F-ino R. A. Davey, London, Anglujo.
8. W. A. Gething, Luton, Anglujo.
9. F-ino E. C. Goldsmith, Rickmansworth, Anglujo
10. H. W. Holmes, London, Anglujo.
11. S-ino E. Warren, London, Anglujo.
12. R. B. Wilkinson, London, Anglujo.
13. T. Jung, Scheveningen, Nederlando.
14. Kortega konsilisto H. Steiner, Wien, Aŭstrujo.
15. E. Malmgren, Stockholm, Svedujo.

16–50 *rezervitaj.*

51. R. Robertson, London, Anglujo.
52. J. J. Boutwood, Hastings, Anglujo.
53. G. D. Buchanan, Glasgow, Skotlando.
54. S-ino E. Farmer, London, Anglujo.
55. Prof. T. G. Bailey, London, Anglujo.
56. T. L. C. Bluett, Worthing, Anglujo.
57. J. R. Grocott, Blackburn, Anglujo.

58. S-ino N. Grocott, Blackburn, Anglujo.
59. S-ino V. M. Wadham, Epsom, Anglujo.
60. Esperanto Dunkerque, Francujo.
61. J. Ravestein, 's Gravenhage, Nederlando.
62. S-ino J.M. Ravestein, 's Gravenhage, Nederlando
63. Inĝ. D. L. H. Cogez, Douai, Francujo.
64. A. Humez, Douai, Francujo.
65. S-ino S. Humez, Douai, Francujo.
66. O. Leveugle, Douai, Francujo.
67. S-ino A. Leveugle, Douai, Francujo.
68. F-ino Y. Leveugle, Douai, Francujo.
69. F-ino C. F. Taylor, Paris, Francujo.
70. J. Wm. Hartley, Clowbridge, Anglujo.
71. S-ino A. Jung, Scheveningen, Nederlando.
72. W. E. Clayton, London, Anglujo.
73. S-ino W. E. Clayton, London, Anglujo.
74. S-ino N. Holmes, London, Anglujo.
75. F-ino E. Squire, West Hartlepool, Anglujo.
76. Prof. G. Roux, Orleans, Francujo.
77. S-ino E. M. Robertson, London, Anglujo.
78. F-ino V. C. Nixon, Birmingham, Anglujo.
79. C. G. Stuart-Menteth, London, Anglujo.
80. H. J. Howard, London, Anglujo.
81. P. H. Mooij, 's Gravenhage, Nederlando.

**LAŬLANDA STATISTIKO DE LA ALIĜINTOJ**

Anglujo, 28 ; Aŭstrujo, 1 ; Francujo, 10 ; Nederlando, 5 ; Skotlando, 1 ; Svedujo, 1 ; entute 46 el 6 landoj.

C. C. GOLDSMITH,
*Sekretario.*

9 *julio*, 1937.




## ESPERANTA RADIOPROGRAMO—AŬGUSTO 1937

| Tago kaj Dato. | | Horo. | Stacio. | Ondlongo Metroj. | Potenco Kv. | Programo. |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Dimanĉo: | 1, 8, 15, 22, 29 | 09.10–09.15 | Radio-Kortrijk | 204 | .1 | P. |
| | 1, 8, 15, 22, 29 | 09.40–10.00 | Lille | 247 | 60 | P.K.I. |
| | 15 | 21.30–22.00 | Tallinn | 410 | 20 | P. |
| | 8, 22 | 22.40–23.10 | Hilversum | 301 | 60 | P. |
| Lundo: | 2, 9, 16, 23, 30 | 18.30–18.50 | Lyon | 215 | 25 | K. |
| | 2, 16, 30 | 21.30–21.45 | Radio-Normandie | 269 | 10 | P. |
| Mardo: | 3, 10, 17, 24, 31 | 18.00–18.15 | Moravska-Ostrava | 269 | 11 | P. |
| | 3, 10, 17, 24, 31 | 20.00–20.10 | Tallinn | 410 | 20 | I. |
| | 3, 10, 17, 24, 31 | 21.30–21.45 | Kaunas | 1935 | 7 | I. |
| | 3, 10, 17, 24, 31 | 23.30–23.45 | Rio de Janeiro PRF | 31.5 | 15 | I. |
| Merkredo: | 4, 11, 18, 25 | 14.00–14.20 | Paris PTT kaj relajsoj | 431 | 120 | K. |
| Ĵaŭdo: | 5 | 22.20–23.20 | Praha kaj relajsoj | 470 | 120 | Esperanta Horeto. |
| Sabato: | 7, 21 | 16.10–16.30 | Hilversum | 1875 | 10 | P. |
| | 14, 28 | 17.10–17.25 | Hilversum | 301 | 15 | P. |
| | 7, 14, 21, 28 | 19.05–19.20 | Roma | 31.1 / 420 | — / 50 | P. |
| | 7, 21 | | Lyon PTT. | 463 | 100 | P. |

**KODO: I**=Informoj. **K**=Kurso. **P**=Parolado.

## A BRITISH BROADCAST

On Tuesday, August 17th, from 9.45 until 10 p.m., the Rev. Canon W. H. Harris, adjudicator of the Esperanto competition at the Welsh National Eisteddfod, Machynlleth, will broadcast a talk in English on the Jubilee of Esperanto, from the Welsh Regional Station, Cardiff (373 m., 70 kw.).

## OUR NEXT NUMBER

Our September number will be devoted to reports—in English—on the progress of Esperanto in this country and abroad, and will thus be specially suitable for use in publicity campaigns. Groups and individuals requiring quantities should communicate with the B.E.A. office as soon as possible. Price, post free, 25 copies: 3s. 6d., 50 copies: 6s. 6d. Supplies cannot be guaranteed unless ordered by August 21st. We shall include a list of all Winter Classes of which we receive details (address, grade, day, time, commencing date) by Aug. 10th.



## Coming Events

### FEDERATION CONFERENCE

**East Midland.**—A Jubilee Conference, taking the form of a garden fête, will be held in the grounds of Long Clawson Hall, between Nottingham and Melton Mowbray, on September 4th, opening at 3.45 p.m. Games of skill and chance. Admission (including plain tea) 1/–, children 9d. Tickets must be obtained beforehand from the secretary, P. Ecker, Hill View, The Ridings, Ockbrook, Derbyshire.

### SUMMER SCHOOL

**Leatherhead.**—Summer School of Natural Health and Healing, Lawrence Weaver House, Leatherhead, Surrey, August 4th to 25th. One of the lecturers will be Professor Edmond Székely, Director of the International Cosmotherapeutic Expedition; he will speak in Esperanto, with translation sentence by sentence into English. Write to the address given above for full details.

### EKSPOZICIO

**London.**—La Londona Laborista Esperanto-Klubo organizas altvaloran ekspozicion de materialo el la fruaj tagoj de la Esperanto-Movado. Inter la lekciantoj estos N. Bartelmes (Parizo), ĉefredaktoro de *Sennaciulo*, kaj Paul Blaise. Vidu anoncon en nia septembra numero.

### DISERVO

**London.**—En aŭgusto ne okazos Diservo. Proksima Diservo 12an de septembro.

# In the Car

June
10, **Birmingham.** Kings Norton School.
11, **Birmingham.** Suffolk St. Central School.
14, **Weston-super-Mare.** Lewisham School.
15, **Weston-super-Mare.** St. Peter's School.
16, **Bridgwater.** County School for Boys.
21, **Neston.** Council School.
**Corsham.** Senior School.
22, **Calne.** Senior School.
**Chippenham.** Ivy Lane School.
**Corsham.** Toc H.
23, **Cheltenham.** Naunton Park School.
24, **Crewe.** Rotary Club.
**Nantwich.** Rotary Club.
25, **Abergele.** Lowther College.
28, **Llanrwst.** County School.



**Our Education Secretary, Mr. M. C. Butler** (back view) **with B.E.A. Car**
*(Snapped at Hoddesdon by Mr. E. T. Collier)*

Two visits paid to Kings Norton were of especial interest, for here Miss Norman is teaching Esperanto to 80 children, in face of great difficulties raised by continual reorganisation. The Esperantist pupils here unite with those in two other local schools for social meetings, and the three schools issue a joint bulletin in Esperanto.

In one of the Weston schools the Head already had some knowledge of the language. In the other our reception was exceptionally cordial, and resulted in introductions to other schools.

In Bridgwater there was a small but highly interested experimental Fourth Form class ; we expect to have a second visit to a larger audience as a result.

In all four Wiltshire schools we had a keen group of children, particularly in Neston, where the school has attracted considerable attention in educational circles for the progressive lines on which it is run, and for its wonderful garden, constructed and tended by the children. The Toc H meeting was very well attended, and a number of enrolments were taken for the Correspondence Course. Mr. H. Spackman may be trusted to keep alive the interest thus awakened.

In Cheltenham, as a result of the talk, the Head proposes to introduce Esperanto as a subject for an evening class, under the capable guidance of Mr. Appleby.

The two Rotary Clubs both provided interested audiences. The Nantwich Club devoted a whole evening to the subject ; this has resulted in the formation of a Study Circle in the neighbourhood, in addition to the local group, which is making steady progress.

With Akademiano William Bailey we visited Lowther College. This is housed in Boselwyddan Castle, one of the most imposing school buildings we have ever seen. Here we had an interested voluntary audience. Some of the girls had already shown an interest in Esperanto, and we found that we had already had some contact with the Head and with one of the staff.

At Llanrwst we had 200 children, but only 30 minutes, and it seemed unlikely that much interest could be roused in so short a time. However, 50 books were left, on sale or return, and the Head wrote the same day for a further hundred. We are invited to give a demonstration lesson on a return visit.

Thanks to the generous hospitality of schools visited, and of local Esperantists, for which we are sincerely grateful, it has been possible to run the whole of these visits for a total outlay of about £3, which has been covered by donations received *en route* from places visited. In addition, books have been sold to the value of £5.

The writer would be happy to receive invitations to address schools or other gatherings after the summer holidays. He wishes, however, to keep the *evenings* of the last fortnight in September and the first week in October free for his own classes in London, but would be available for week-ends.

M. C. Butler.

---

At the time of going to press, the balance of the Motor Car and Propaganda Fund, after allowing for depreciation of the car, is £8.

# OFFICIAL NOTICES

*President :* G. D. Buchanan, F.R.A.S.
*Hon. Secretary :* Bernard Long, B.A.
*Hon. Treasurer :* Robert Robertson.
*Secretary :* R. B. Wilkinson.
*Propaganda Secretary :* M. C. Butler, M.R.S.T.

## NEW MEMBERS

| | |
|---|---|
| Adams, F. T. | *Burton-on-Trent.* |
| Bettelheim, F. (Jnr.) | *Philadelphia, U.S.A.* |
| Challener, G. | *Blackpool.* |
| Dinwoodie, J. S. | *Dumfries, Scotland.* |
| Haig, E. C. | *Cardiff.* |
| Henshaw, J. | *Subiaco, W. Australia.* |
| Mailer, W. | *Auchterarder.* |
| McDermott, C. P. | *Limerick.* |
| Morison, Mrs. S. S. | *Edinburgh.* |
| Mulwany, Miss M. I. | *Mullinger, I.F.S.* |
| Weaver, L. P. | *Leatherhead.* |

## NEW LOCAL DELEGATES

*Avonmouth.*—K. W. Manley, 113 Trym Side, Sea Mills, Bristol 9.
*Blackburn.*—H. Benson, 189 Lammack Road, Blackburn.
*Hayes.*—G. Skinner, 13 St. Mary's Walk, Hayes, Middlesex.
*Ventnor.*—Mrs. A. J. Saunders, Esperanto, St. Boniface Road, Ventnor.
*London, S.W.*19 (F.D. Elektrotekniko). — H. J. Howard, 115 Queens Road, S.W.19.
*London, S.W.*16 (F.D. Konstruado).—A. Venture, 105 Lewin Road, S.W.16.
*Nottingham* (F.D. Impostaj Aferoj).—A. E. Boyce, 14 Tavistock Avenue, Mapperley, Nottingham.

## NEW AFFILIATED GROUPS

*South Manchester.*—Secretary : H. Fitzwilliam, 111 Platt Lane, Manchester 14.
*Hyde.*—Secretary : F. Baddeley, 41 Peel Street, Hyde, Cheshire.

## B.E.A. EXAMINATIONS

**Diploma.**—Alice Craven Chambers, *Hartlepool ;* Geoffrey Wyndham Keiller, *Birkenhead ;* Sydney George Appleyard, *Leeds ;* Thomas Black, *Methil.*

**Advanced by Correspondence.**—Olive Robotham, *Stockton-on-Tees.*

**Preliminary.**—*Mrs. E. Edmondson, *Bingley ;* *Miss M. Lawrence, Mrs. L. Arrowsmith, *Leeds ;* *H. Nicholls, *R. N. Lock, *K. W. Manley, Mrs. E. J. White, Mrs. L. I Biddle, Mrs. A. E. Pingstone, Miss M. A. Church, Miss M. Dingle, E. J. Garland, S. W. Snook, D. Rankin, W. Bristow, *Bristol ;* *Miss S. E. Kirby, Miss D. Hancock, *London ;* *Miss M. Whitehead, *Miss W. Stubbs, *Manchester.*

**Preliminary by Correspondence.**—G. K. Lowther, *Wareham.*

* *Denotes distinction.*

## DONATIONS TO B.E.A. DURING JUNE, 1937

*General Funds :* "Friend," £10 ; C. J. S. Kitching, 10/– ; J. T. Harrod, P. T. Keily, Mrs. E. M. Kendrick, M. E. P., A. L. Richardson, Miss N. Wilford, Miss D. F. Wilkinson, 5/– ; R. A. Sales, 2/6 ; G. W. Ward, 2/– ; F. W. Shaw, 9d.

*Motor Car and Propaganda Fund :* Esperantisto 8820, £10. 10s. ; "Friend," £10 ; "Ano de U.E.A.," £9 ; "Amiko de Infanoj," £5 ; W. T. Head, "A. H. M.," O. Sachse, 10/– ; Miss E. M. Bartholomew, 9/5 ; "A. Friend," 9/– ; "Frukto," J. T. Harrod, Miss Norman, Miss D. F. Wilkinson, 5/– ; Mrs. E. M. Kendrick, 4/– ; P. J. Cameron, W. H. Iggulden, Mrs. J. H. Langtree, R. A. Sales, 2/6 ; J. N. F. Z. S., 2/– ; C. S. Redding, 1/8 ; Mrs. H. M. R. Bradshaw, Lynn Thomas, 1/–.

## GUARANTEE FUND, 1937

| | £ | s. | d. |
|---|---|---|---|
| Previously acknowledged .. .. | 230 | 4 | 0 |
| Bourdillon, R. B., London, N.W.3 .. | 1 | 0 | 0 |
| Gayfer, W. T., Cleethorpes .. .. | 1 | 0 | 0 |
| Rayner, R. W., Cambridge .. .. | | 10 | 0 |
| Richardson, A. L., Monkseaton .. | | 5 | 0 |
| Stone-Fry, G., London S.W.18 .. | | 5 | 0 |
| Whittam, Miss M., San Francisco .. | 1 | 0 | 0 |
| | £234 | 4 | 0 |

Further guarantees will be gratefully received.

## JUBILEE FUND

| | £ | s. | d. |
|---|---|---|---|
| Previously acknowledged .. .. | 1,377 | 13 | 7 |
| Kendrick, Mrs. E. M., E. Molesey .. | | 10 | 0 |
| Chipperfield, Miss B. M., London E.4 .. | | 1 | 0 |
| Buchanan, G. D., Glasgow .. .. | | 19 | 0 |
| Langtree, Mrs. J. H., Rockhampton .. | | 2 | 6 |
| Ash, Miss C., Birmingham .. .. | | 1 | 1 |
| Hamilton, Miss R., Birmingham .. | | | 6 |
| Thompson, Miss J., Birmingham .. | | | 4 |
| Anonymous .. .. .. | 1 | 0 | 0 |
| Verdulo .. .. .. | | 8 | 0 |
| Cameron, P. J., Letchworth .. | | 2 | 6 |
| | £1,380 | 18 | 6 |

## THREE-YEAR PLAN CUP CONTEST
### Figures on 30th June

| | | % |
|---|---|---|
| 1. | Glos. & Som. Fed. .. .. .. | 16.75 |
| 2. | South Wales & Mon. Fed. .. .. | 14.18 |
| 3. | Lancs. & Ches. Fed. .. .. | 12.57 |
| 4. | North-Eastern Fed. .. .. | 9.26 |
| 5. | Scottish Fed. .. .. .. | 9.11 |
| 6. | London Fed. .. .. .. | 8.57 |
| 7. | East-Midland Fed. .. .. .. | 8.00 |
| 8. | Yorkshire Fed. .. .. .. | 7.58 |
| 9. | South-Eastern Fed. .. .. | 7.11 |
| 10. | Eastern Fed. .. .. .. | 6.55 |
| 11. | South-Midland Fed. .. .. | 6.44 |
| 12. | Southern Fed. .. .. .. | 4.8 |
| 13. | West-Midland Fed. .. .. | 4.59 |
| 14. | Northants Fed. .. .. .. | — |
| | *Overseas .. .. .. .. | 14.93 |
| | *Non-Federated Areas .. .. | 3.56 |

* *Not competing for the Federation Cup.*

R. B. Wilkinson,
*Secretary.*

## MORTO

**Primavesi.**—En Liverpool subite mortis Patro R. B. Primavesi, O.S.B., pastro ĉe la katolika preĝejo de S-ta Petro, Seel Street.

Antaŭ pli ol 20 jaroj li starigis Esperanto-kurson en Warrington. Veninte al Liverpool li aliĝis al la loka Grupo, kies prezidanto li poste fariĝis. Malgraŭ peza paroĥa laboro, li daŭrigis sian laboron ĝis lastatempe instruante malgrandan klason ĉe la lernejo de sia preĝejo. Krom Esperanto, li parolis kvin lingvojn.

Ni kondolencas kun liaj paroĥanoj.

# Our Bookshelf

**Books starred are stocked by the B.E.A. Others should be ordered not from the B.E.A. but from the address given. Postage extra.**



***Konturoj de la Lingvonormigo en la Tekniko.**—*D-ro Inĝ. Eugen Wuster. Trad. D-ro Emil Pfeffer. Eldonis Literatura Mondo, Budapest.* 124 *pp., broŝ.* 3*ŝ., bind.* 4*ŝ.*

Ni ŝuldas dankon al D-ro Pfeffer pro tio, ke per ĉi tiu resumo de la germana originalo de Wüster li montras al ni la fakton, ke Esperanto ricevis atenton en sufiĉe gravaj teknikaj rondoj. La resumo estas mem sufiĉe ampleksa, kaj pritraktas la sciencecajn esplorojn de Wüster, liajn tre detalajn klasifikojn kaj komparojn de la internaj provoj al normigo en la tekniko, kaj la ĝis nun preskaŭ senfruktajn provojn pri internacia normigado.

Laborantoj sur la kampo de industria kaj teknika normigo bone scias, ke ili celas principe al simpligo de uzadoj ekzistantaj, kaj pro tio nun malfacile rilatas kun la vidpunkto internacia. Feliĉe, en la elektro-tekniko oni jam faris progreson tiurilate, kaj espereble la ekzemplo prezentita de tiu industrio havos influon sur aliajn kampojn.

Oni povas rekomendi la studon de la libro al Esperantistoj en la elektrotekniko. Per ĝi ili ricevos apogon en sia penado plivastigi la uzon de Esperanto sur aliaj kampoj industriaj kaj teknikaj.

Per sia analizo de formoj nacilingvaj, la libro plifortigas konvinkon pri la taŭgeco de Esperanto por teknika uzo, kaj ankaŭ instruas pri la graveco—eĉ en Esperanto—de vortkunmeto orda kaj regula.

La aŭtoro permesas al si uzi kelkajn maloftajn vortojn teknikajn. Sed oni komprenas ilian neceson, kaj rapide kutimiĝas.

Elektroteknikistoj kaj inĝenieroj legu la verkon.

I. H. W.

**Verema Raporto pri la German-Molsa Milito.**—*Maljunaj (malnovaj) historietoj libere verakontitaj per (de) P. Th. Justesen.* 23 *pp.,* 2 *respondkuponoj, ĉe la aŭtoro, Fannerup pr. Kolind, Danujo.*

Ne! Ne libro pri la historio de Germanujo, sed humoraĵo pri la aventuroj de la Molsanoj. La rakontoj estas samspecaj kiel tiuj, kiujn oni rakontas ĉe ni pri la Saĝuloj de Gotham. Libro kun plaĉa aspekto kaj vere amuza, kiu, se ĝi estus iom pli zorge pretigita, estus tre taŭga por kursa legado. Bedaŭrinde, kvankam la verko estas ĝenerale bonstila, ĝi enhavas iom multe da lingvaj makuletoj, ekz., *fronto* (*frunto*); *monokula* (*unu-okula*); *domaĝo* (*difekto*); *ili ne povis suferi* (*toleri*), *ke . . .; la plej aĝa de* (*el*) *la sep*; *meznokto* (*noktomezo*); *ĝis la fundon, al akvon,* senutilaj *ja* kaj *do*; k.a., krom preseraroj (ekz., *pisoj*, *eksakte*). Tio iom malgrandigas la plezuron de la leganto kaj la utilecon de la libro. Malgraŭ tio, rekomendinda kaj havinda.

M. C. B.

**Unua Libro de Stenografa Instituto Tutmonda.**—74 *pp.,* 10 *fr. fr., ĉe Stenografa Instituto Tutmonda,* 9 *Bd. Voltaire, Issy-Les Moulineaux (Seine), Francujo.*

Dokumentaro tre utila por adeptoj de la Esperanta stenografio Duployé-Flageul, kun biografioj de de Zamenhof kaj de E. Duployé, artikoloj pri la fondo kaj agado de S.I.T., notoj en kaj pri la sistemo, listo de subtenantoj, kaj multaj bildoj. Nur malmultaj ekzempleroj restas haveblaj.

**Glumarkoj.**—Dek diversaj propagandaj glumarkoj, ĉiu presita sur dek diverskoloraj paperoj. Unu serio (100 markoj), $0.25; dek serioj (1000 markoj), $1.30, ĉe Literatura Mondo, Budapest.

**Jarlibro de S.A.T., 1937** (16a Jaro).—Statuto, listo de Esperanta gazetaro, filiaj organizaĵoj, adresaro de perantoj kaj agentoj. 24 pp. Nur por membroj.

**Konstitucio de la Unio de Sovetaj Socialismaj Respublikoj.**—La teksto de la nova Rusa Konstitucio (Artikoloj 1–146). Trad. P. Gavrilov. 24 pp., 1.50 fr. fr., ĉe Ekrelo, 14 Rue Pelloutier, Nimes, Francujo.

**Leterpapero kaj Poŝtkartoj propagandaj.** — Nova speco, kun la vortoj *Esperanto konstruas ponton de popolo al popolo* kaj konforma bildeto. Diversaj specimenoj, kun prezlisto, du respondkuponoj, ĉe Aŭstria Esperantista Federacio, Holochergasse 55, Vieno XV.

**Traduko de la Provtekstoj en la Gvidlibro.**—G. Waringhien, Prezidanto de Franca Esperanto-Instituto. 63pp., 4.50 fr. fr., ĉe Société Française pour la Propagation de l'Esperanto, 34 Rue de Chabrol, Paris X. Komplemento al la Gvidlibro por la Altgradaj Ekzamenoj de SfpE, kun utilaj konsiloj pri la tradukarto.

# THE BRITISH ESPERANTIST

**Publishers (Eldonistoj):**
THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION, INC.,
142, HIGH HOLBORN, LONDON, W.C.1. *Telephone:* HOLBORN 4794.

**Editor (Ĉefredaktoro):** FRED WADHAM.
**Literary Editor (Literatura Redaktoro):** MONTAGU C. BUTLER, M.R.S.T.

RATES OF SUBSCRIPTION *(including postage to any part of the world)—Twelve months,* 2/6. *Single copies, Three Penny Stamps. (Free to B.E.A. members).*

ADVERTISEMENT RATES *will be quoted on application to the Secretary of the B.E.A.*

JARABONO: 3 svisaj frankoj. Unuopaj ekzempleroj: po 30 centimoj (aŭ unu respondkupono). Oni sendu manuskriptojn al la Ĉefredaktoro. Li resendos nur tiujn manuskriptojn, kiujn akompanos afrankita koverto, aŭ respondkupono. Li rezervas la rajton fari korektojn laŭbezone.

MANUSCRIPTS *should be typewritten, and be addressed to* THE EDITOR. *The Editor does not hold himself responsible for loss or damage, nor does he undertake to return manuscripts unaccompanied by a stamped addressed envelope. He is not necessarily in agreement with views expressed in signed articles, but accepts responsibility for those unsigned. Matter should be received by the 8th of the month.*

THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION *consists of Fellows, Members, Affiliated Groups, and Federations. The Annual Subscriptions are:— Fellows,* 21/-; *Members,* 5/-; *Junior Members (under* 18), 2/6; *Life Fellowship,* £12. 12s. 0d.; *Life Membership,* £5. *(See prospectus).*